# TABELO DE ENHAVO



**Ni atentigas ke la URL de la retejo de Mirmekobo ŝanĝiĝis.** *La nova adreso estas:*

*http://web.me.com/donbroadribb1/donbroadribb1_Mirmekobo/*

**CERBOTIKLILO 28**

Atente rigardu la subajn kvin besto-nomojn kaj trovu tiun el ili, kiu, laŭ determininta logika kriterio, oni povas konsideri “**enŝteliĝinta**”.

LOJTO DOGO

BALENO

GORILO TORPEDO

---

**CERBOTIKLILO 38**
**Sekreta kodo:**
**7385921653**

Tia estas parto de la sekreta kodo, kiun la Kosma Imperio de Urania utiligas dum la ĉiamdaŭra milito kontraŭ la tero.

Sed la fama spionagento 007 konsciiĝas pri ekzisto de dua kodo-parto, kiun speciala logika ŝloŝilo kunigas kun la unua.

Jen kvin vicoj da ciferoj, inter kiuj certe la taŭga kaŝiĝas:

a) **2614078647**
b) **2514078347**
c) **3625189457**
d) **3725189457**
e) **3715189457**

Ĉu vi kapablas helpi por la eltrovo de la logika ŝloŝilo kaj sekve de la dua parto de la sekreta kodo?

---

**BILDARO**

Atente observu la bildaron ĉe la supro de la sekva paĝo, kaj trovu kiun el ili, laŭ logika kriterio, oni povas konsideri “entrudiĝinta”:




---

## CERBOTIKLILO 40

**Observu tiun ĉi sinsekvon de ciferoj kaj bildoj kaj diru per kiu cifero oni devas substitui la demando-signon, laŭ determinita logika kriterio:**




---

*Respondojn oni trovos sur paĝo 19.*

# POEZIO

de Dimitrije Janicic

## Ŝanĝoj

Nenio estas por ĉiam.

Tago ŝanĝas nokton.
Lumo kolizias kun mallumo.
Printempo forpelas vintron.

Nenio estas eterna.

Infanoj fariĝas homoj.
Rido venkas ploron.
Maljuneco faldas junecon.

Nenio certa estas.
Nur ŝanĝoj restas.

## Ponto

Etendita mano estas ĝi,
kunveno,
loko de renkontiĝo.

Ĝi estas kiso
de malproksimaj bordoj,
beleco de kontakto.

Ligo de animoj ĝi estas,
amikeco,
venko de spaco.

Tenero kaj forto estas ĝi,
arto de kreo,
ekscitecoj de venkinto.

Ĝi staras
inter rivero kaj nuboj,
inter morto kaj vivo,
la vivo sola estas.

# HISTORIO DE LA PRESARTO

de Donald Broadribb

Gutenberg tute ne inventis la presarton.

Eble ĉar niaj "okcidentlandaj" historilibroj en la lernejoj plejparte estis verkitaj laŭ la vidpunkto de eŭropanoj, oni kutime deklaras ke inventis la "veran" presarton Johano Gutenberg [Plena nomo: Johannes Gensfleisch zur Laden zum Gutenberg (ĉ. 1398 – February 3, 1468.k.e.[1])]

En Kreto ĉ. 1700 a.k.e., argila disko, nun nomata la Disko Faistos, estis plurfoje presita. Antaŭ ol la argilo tute sekiĝis, oni surpremis sur ambaŭ flankojn de la disko lignan plakon sur kiu estis ĉizita teksto:



Jam en la epoko de la Babilonianoj, kaj antaŭ ili en la epoko de la Sumeranoj, (do ĉ. 3000 a.k.e.), oni utiligadis metodojn de presado. Du metodoj estis kutimaj: la cilindraj sigeliloj kaj la blokpresiloj.

## Cilindraj Sigeliloj





Mezopotamia cilindra sigelilo kaj la bildo farita kiam oni rulis ĝin. Ĉ.2350-2150a.k.e.

Produktistoj uzis ilin por certigi la aŭtentecon kaj kvaliton de produktaĵo. Ekzemple, vinisto povis certigi per ĉi tia sigelo sur la vaksa fermaĵo sur vendota

[1] A.k.e.=antaŭ la komuna erao; mallongigo uzata por eviti la religian nuancon de a.K.=antaŭ Kristo. K.e.=la komuna erao; mallongigo uzata por eviti la religian nuancon de p.K.=post Kristo.

barelo aŭ botelo da vino ke la varo ne estis falsita sed estas aŭtente produktita de li aŭ ŝi.

Simile, en Ĉinio metalaj kaj ŝtonaj sigeliloj estis uzataj. Ekzemplo estas el la Qin-diastio (221a.k.e. - 206a.k.e.):



Antikva ĉina sigelilo uzata por indiki militistan rangon

Ankaŭ en la Amerikoj cilindraj sigeliloj estis jam de frue uzataj. Ekzemplo estas el la Olmeka periodo en Meksiko, ĉ. 650a.k.e..:




Ceramika sigelilo, kaj perinka bildo farita kiam la cilindro estis rulita (Meksiko, ĉ. 650a.k.e.)

Multe pli simila al vera presado tamen estis la blokpresado. Reĝoj amis glorigi sin per starigo de monumentoj sur kies flankoj estis rakontoj pri la (multe troige laŭdataj) bataloj komanditaj de la reĝo, aŭ alia supozata grandiozeco de ties agoj. Ĉar ĉizi tian longan tekston postulis multe da tempo kaj multe da laboro, por unuforme ripeti la tekston sur aro da monumentoj oni preparis lignajn blokojn, en kiuj la literoj de la teksto estis inverse ĉizitaj. Oni premis la blokon sur la molan surfacon de la freŝe preparitaj brikaj monumentoj:



La unua konata (ĉ.2250a.k.e.) stampilo por presado sur brikoj. El Sumero.



Maldika orfolio estis metita sur blokon sur kiu estis bareliefaj literoj. Oni firme premis la orfolion sur la blokon. Ĉi tiu ekzemplero: Teksto por Apolo, ĉ. la 6a jarcento a.k.e.., el Grekio aŭ Turkio.

En 1974 arkeologoj trovis en Xi'an (Ĉinio) la plej fruan nun konatan ekzemplon de presado sur papero per lignaj blokoj. Ĝi estas *dharani*-sutro presita sur kanaba papero kaj datiĝas inter 650 to 670 k.e, dum la Dinastio Tang (618–907K.e.):



Paĝo el la *dharani*-sutro, Ĉinio, presita inter 650 to 670 k.e

Alia presita dokumento dum la unua duono de la ĉina Dinastio Tang ankaŭ estas trovita, la sutro *Snddharma pundarik* presita inter 690 kaj 699:

*Kaiyuan Za Bao* haveblis en Pekino en 713 k.e. Ĝi estis lignobloka presaĵo. La rulaĵoj Tianemmen, la plej frua konata kompleta ilustrita libro presita per lignoblokoj, estis presita en Ĉinio en 868 pK. La plej frua libro plu konata kiu surhavas presitan daton estis la ĉina *Diamanta Sutro* el 668k.e.



Kolofono diras: "Pie presigita de Wang Jie por siaj du gepatroj, la 13an de la 4a luno de la 9a jaro de Xiantong [t.e. 11a de majo, 868k.e.]". En la Brita Muzeo.

# *Moveblaj presliteroj*

Ĉirkaŭ 1045k.e., la unua sistemo uzanta moveblajn literojn estis kreita en Ĉinio. Unue la literoj estis el argilo. Ĝin kreis en Ĉinio Bi Sheng.



Argilaj literoj kaj paperfolio kompostita per ili.

Tamen baldaŭ Bi Sheng uzis lignajn moveblajn literojn por presado:



Moveblaj lignoj presliteroj, de Bi Sheng, ĉ,.1050k.e.

En Ĉinio kaj Koreo la presado de libroj per lignaj blokoj iĝis tre kutima. Centoj, kaj nemalofte miloj da ekzempleroj estis presitaj.


退即是醉臥接之以小即是起行此等皆名領稱也
某年日月者指大通佛所也佛亦如是下第二合譬
譬本有二今各有三意從教化我等下合初一繫珠
而尋廢忘合初二醉不覺知既得羅漢下合初三起
巳遊行一切智願下合後親友覺示譬上有三今亦
三從智願不失者是合後一呵責從我久令汝下合
後二示珠從我今乃知下合後三勸賀所須也第二
偈頌有十二行半爲二初一行半頌内心得解又二
初一行頌慶喜次半行頌悔責也次於無量佛寶下

妙法蓮華經文句卷第八　第五張　宜字号

第二有十一行頌自陳領解上文有二今初半行頌

"*La Lotus-Sutro*" blokpresita en Ĉinio 1148-1173P.k.

# *Paperaj Monbiletoj*



Papera monbileto el Ĉinio, ĉ.960k.e.

En sia epokfara verko Libro de Mirindaĵoj, 1298k.e., Marko Polo mencias la paperajn monbiletojn uzatajn en Ĉinio.

(Kvankam en Eŭropo oni komencis presi paperajn librojn en la 15a jarento k.e., ŝajne oni dumlonge ne pensis uzi presmetodon por fari monon. La unuajn paperajn monbiletojn eldonis Svedio en 1660.)



Ĉina latuna ŝablono por presi paperan monbileton, plu konservata, el ĉ.1300.

Wang Zhen ĉizis lignajn literojn antaŭ 1298k.e., kaj ankaŭ inventis aparaton

por enteni la lignajn literojn, el kiu preni bezonatajn literojn:



## *Metalaj prestipoj*

Metalaj prestipoj estis pripensataj dumlonge, kaj la unua nun konata verko presita per metalaj tipoj estis Selektitaj Instruoj de Budhistaj Saĝuloj kaj Son-Mastroj, presita per metalaj moveblaj prestipoj en 1377 en Koreo:



Jam ĉirkaŭ 1420 Laurens Janszoon Costeren en Haarlem, (en Nederlando) presis plurajn librojn, inkluzive de *Speculum Humanae Salvationis*. Lin asistis Johann Fust, kiu je la morto de Costern transprenis liajn presilojn kaj litertipojn, kaj partneriĝis kun Johano Gutenberg. En 1439 proceso kontraŭ Gutenberg okazis, pro akuzo ke li ŝtelis la inventojn de Costeren.

Ŝajnas ke la (latinlingva eldono) de la Biblio ne estis la unua libro presita de Gutenberg; li iom antaŭe provis la presadon de malgranda libro por kutimiĝi al la presmetodo. Sed de tiu libro neniu ekzemplero plu ekzistas.

Pri la laboroj de Gutenberg temos mia artikolo en Mirmekobo 7.



Paĝo el la latina biblio presita de Gutenberg

# KORPO-EKZERCADO – LA FONTO DE JUNECO

de Vera Payne

Ĉe la Universitato de Okcidenta Aŭstralio, la Aŭstralia Asocio por Ekzerc- kaj Sport-Scienco studas la bonan efikon de zorga kaj efika ekzercado sur ne-plu-junaj korpoj.

Dum la korpo pli aĝas, strukturaj kaj funkciaj ŝanĝoj okazas; neeviteble ni pli-malpli dekadencas, malgraŭ la sano- kaj kapabloniveloj. Inter la aĝoj 20 kaj 90, 30-50% de muskola degenero nepras. Atinginte la 70-an, la korpo produktas tiom malpli da varmo, ke vundebleco signife kreskas, kaj la imunreago malleviĝas. Aldone, la haŭto kadukiĝas, la harkoloro malaperas, la vid- kaj aŭdpovoj malplias — kaj, krom "fliki" la problemojn, ni povas fari nenion por haltigi tiun nedeziratan tajdon. Kaj tamen! Regula fizika agado certigas multe malpli rapidan degeneron kaj pli feliĉan veturon al maljunaĝo, pro tio, ke la sano de niaj pulmoj, ostoj, muskoloj, kaj koro, kaj eĉ nia humoro, pliboniĝas.

Por ke ni ne oscedu, kaj fidu ke ĉio estos en ordo koncerne nian fizikan memon, sen ia ajn interveno nia, ni konsciu, ke kormalsano, diabeto, hipertensio kaj kojla kancero estas problemoj kiuj pli probable turmentos la "sofo-terpomon" (kuŝaĉanton). Fakte, Aŭstralio estas nun la plej korpulenta nacio en la mondo (jes, eĉ pli ol estas Usono!), dank' al malbonaj nutraĵaj elektoj kaj manko de efika korpomovado.

Grafikaĵo disdonita el la universitata departamento skizas la diferencon inter medicinaj kostoj por aktivaj kaj neaktivaj virinoj 45-75-jaraĝaj. La kostoj kreskas eksponenciale por la hejmsidantemaj inoj.

Prudenta ekzercado rezultas jene:

Malpli da fruaj mortoj je regule aktivaj homoj
kresko en ostodenseco, muskola forto kaj en pli bona korpa ekvilibro
malplia risko de kormalsano
malpli da hipertensio, do malplia risko de apopleksio
plibonigita humoro, malplia deprimo, sento de bonfarto.

Vere, oni ne troigas, asertante, ke ekzercado estas (parto de) la fonto de juneco. Kompreneble, oni ne povas fornei la genetikon, sed ni ne plu povas kulpigi nur niajn genojn por niaj fizikaj problemoj.

Fenotipaj studoj montras kiel la genoj sin esprimas, kaj kiel nia vivostilo rilatas al ili. (Se vi volas scii pli, kaj scipovas la anglan, guglu "The Genotype/Phenotype Distinction".)

La supraj kvin eroj subtenas nian kapablon vivi sendepende. Kaj neniam

estas tro malfrue por komenci la ŝanĝojn. Osta kaj muskola fortoj kaj korpa ekvilibro signife helpas malebligi falojn, kaj donas flekseblecon. Malgrasaj muskoloj pligrandigas la ripozantan metabolan nivelon; la rezulta stabilo kaj kunordigo reduktas la falriskon kaj ankaŭ la damaĝon okaze de tamena falo. Oni suferas malpli da doloro en la dorsomalsupro, genuoj, kolo, ŝultroj kaj koksoj ĉar la skeleta bazo estas plifortigita.

Fizikaj problemoj ofte kondukas al multaj psikologiaj kaj emociaj premoj. Ni povas imagi la emocian doloron kiu trafas kiam oni plunĝas el la pinto de fizika bonstato ĝis la profundaĉo de manko de eĉ marŝpovi.

Do, por senti vin pli sana fizike kaj mense, kiu ajn via aĝo aŭ kondiĉo, se vi ne jam regule ekzercas vian korpon, komencu per malrapida marŝeto kaj mildaj streĉoj kaj iom post iom pligrandigu la klopodon. Sed, komencu nun…




15 minutojn da korekzercado, 15 minutojn da pezaĵlevado
kaj unu horon da sinpersvado entrepreni la rutinon…

# BALENO

## Baleno savas dronanton

(el novaĵbulteno)

Dronanta plonĝisto devas danki belugan balenon, kiu helpis savi ŝian vivon, kiam ŝiaj kruroj estis paraliziĝintaj pro kramfoj.

Jang Jun estis partoprenanta en liber-plonĝa konkurso ĉe Polusa Lando en Harbino, en nordorienta Ĉinio. En la konkurso partoprenantoj devis plonĝi sep metrojn al la fundo de naĝloko kaj resti tie laŭeble plej longe sen spiraparato.

F-ino Jun kredis sin mortonta inter la belugaj balenoj, kun kiuj ŝi dividis la arktan naĝejon, klopodinte movi siajn krurojn dum peno puŝi sin al la surfaco.

"Mi komencis sufokiĝi kaj sinkis eĉ pli kaj mi kredis ke jen la fino — mi mortos," ŝi diris.

"Ĝis mi sentis enorman forton sub mi, kiu puŝas min surfacen."

La "enorma forto" estis Mila, beluga baleno kiu rimarkis ŝian suferadon kaj kroĉis sin al ŝia kruro per siaj makzeloj.



Uzante sian sentoplenan nazon, Mila zorge puŝis F-inon Jun al la surfaco, mirigante spektantojn kaj subakvan fotografiston kiu sukcesis foti la tutan eventon.



“Mila rekonis la problemon antaŭ ol ni povis,” organizinto diris.

“Ni subite vidis la knabinon puŝata al la surfaco de la naĝloko, tirata de Mila, kiu tenis ŝian kruron per la buŝo.

“Ŝi estas kompatema besto kiu ofte estas kun homoj, kaj mi kredas ke la knabino ricevis de ŝi vivsavon.”



# SOLVOJ

## Cerbotiklilo 28:

*La "enŝteliĝinta" besto-nomo estas*

*BALENO*

*Fakte, el la kvin, ĝi estas la ununura nomo, en kiu kaj la unuaj kaj la lastaj du literoj ne egalas al tiuj de unu el la aliaj nomoj.*

*LOJTO→TORPEDO→DOGO→GORILO*



---

## Cerbotiklilo 38:

La logika ŝloŝilo estas la nombro

**10**

per kiu la unua kodo-parto sukcese kuniĝas kun la vico-nombro

**d)**

Tiu ĉi estas la ununura cifervico, kiun eblas kunigi per logika kriterio kun la unua kodo-parto. Fakte, la sumo de ĉiu cifero kun la samorda cifero de la alia, ĉiam rezultigas la nombron **10**.

---

***Bildaro:***

**La "entrudiĝinta" bildo estas tiu karmina, enhavanta la ciferon <5>.**

**Fakte, nur tia bildo, kontraŭe al la aliaj, montras ciferon malsaman ol tiu, kiu rezultas pliigante je <1> la nombron de propraj lateroj.**

---

Cerbotiklilo 40:

Laŭ logiko, la cifero substituenda al la demando-signo estas 240.

Fakte, en ĉiu bildo, la cifero rezultas el multipliko de l' nombro de propraj lateroj per la antaŭa cifero.

1 x 4 lateroj = 4 x 4 lateroj = 16 x 3 lateroj = 48

48 x 5 lateroj = 240

# La unua bildo

(Unuaj paĝoj de nova romano)
de Trevor Steele

La unua bildo, kiun mi memoras el mia knabaĝo, estas de muĝantaj grizaj ondoj ritme sin ĵetantaj en blanka eksplodo kontraŭ ŝtona plaĝo, dum hurladas elnorde frostaj ventoj. Ili tratranĉas mian jaketon kaj metas glacion en mian medolon. Eble pluvas, sed tion mi ne plu perceptas.

Neniam mi spertas ion similan ĉi tie: kutime mi rigardas desupre al longaj trankvilaj ondoj pace ruliĝantaj el sia blua fono kaj ŝaŭme kisantaj la fajnan tropikan sablon. Mi amas la aromon de la iomete sala maraero, kiu enfluas miajn maljunajn pulmojn. Se ne estus kelkaj semajnoj da ŝvitiga varmo kaj humideco en januaro kaj februaro, oni facile nomus tiun ĉi lokon, elektitan por miaj lastaj jaroj, paradizo.

Mi ne memoras, pri kia vivo revis tiu knabo antaŭ naŭdek jaroj, aŭ ĉu li entute revis. Ĉiukaze li eĉ ne povintus imagi tian ĉi pejzaĝon aliflanke de la planedo. Kiel knabo en nia skuventa kaj homsvarma riverborda parto de Hamburgo, Germanio, sciu pri mia nuna monta ermitejo ĉe la senhoma ĝangalkaresa marbordo de ekstremnorda Kvinslando, Aŭstralio?

Mia edzino Tess ĉiam insistis celebri miajn datrevenojn. Dum ŝi vivis, mi ja konsciis, kiom da jaroj mi havas, sed nun la jaroj pasas rapide, trankvile kaj apenaŭ rimarkate, kaj mi malofte cerbumas pri mia aĝo. Sed mi ja scias, ke mi naskiĝis en 1896. Pasintjare la Berlina Muro falis, kaj tiun daton 1989 mi forte registris. Do mi estas naŭdekkvarjara.

Mi estas maljunulo laŭ kutimaj mezuroj, kvankam nur la malrapidiĝo de miaj korpaj funkcioj atentigas min, ke mia meza aĝo jam delonge pasis. Hieraŭ mi spektis – hazarde – intervjuon kun iama futbala ĉampiono. Li estas nun kaduka sepdekkvinjarulo kaj li diris inter larmoj, "Mi vivas nun nur de memoraĵoj – nenion plu mi havas en la vivo." Neniam mi havis tian senton; eĉ la morto de Tess ne donis al mi la senton, ke ĉio ĝoja, sencohava finiĝis. Sed ĝis la pasinta semajno mi ne sciis, ke tre interesa projekto atendas min.

La sprono venis de Wayne, mia nepo, la lasta filo de nia filino Margaret. Inter Wayne kaj mi estas forta ava-nepa ligo, kaj li ligis min ankaŭ al miaj radikoj. Li la sola el la parencaro interesiĝas pri mia germana pasintaĵo, ĉar li, ŝajne hazarde, eklernis la lingvon en sia gimnazio kaj subite diris iun tagon, "Avĉjo, vi estis germano, ĉu vi povas helpi min lerni la lingvon?"

Li diris, ke mi *estis* germano, kaj iusence tio pravas. Post mia eskapo en 1933[1] el la barbarejo, kiun Hitler kreis, kaj miaj ekziljaroj en Svislando, mi

---

1 Hitler iĝis kanceliero de Germanio en 1933

migris al Aŭstralio en 1939. Mi definitive turnis mian dorson al Eŭropo kaj aparte al Germanio kaj iris kiel eble plej foren. Sed komence mi bedaŭris tiun decidon. Tuj post mia alveno en la suda kontinento, Hitler invadis Pollandon, Britio deklaris militon al Germanio, kaj aŭtomate Aŭstralio faris same. Kaj do mi kun mia germana pasporto estis arestita en Melburno kiel “civitano de malamika lando”. Dum ses jaroj mi estis en speco de kaptiteco en Tatura, ne tre alloga vilaĝo for de ĉiuj urboj. Mi sentis, ke neniam mi hejmos sub la troa sunlumo, inter la ŝparfolioj eŭkaliptoj, en monotona pejzaĝo plena je raspaj plantoj.

Sed la kaptiteco de ni “malamikaj alilandanoj” estis vere tre milda. Mi kaj miaj kunkaptitoj ne rajtis foriri el la vilaĝa tereno, kaj ĉiuvespere oni kontrolis, ĉu ni ĉeestas, sed krom tio ni estis liberaj kaj ricevis por manĝi kaj havis dormlokojn en longa barakaro. Kiam mi ekakceptis, ke estas senutile paŭti, mi multe ekspluatis la rajton uzi la vilaĝan bibliotekon, kie mi eklernis la anglan lingvon. La monstra milito elkatenigita de Hitler estis galaksiojn for de Tatura. Mirakle mi, multfoja perdinto en amrilatoj, trovis tie mian estontan edzinon: Tess vizitadis kiel reprezentanto de eklezio, kiu volis montri bonvolon eĉ al “malamikoj”. Ŝi esperis konverti kelkajn el ni, mi supozas. En tio ŝi ne sukcesis, sed deko da viroj enamiĝis al la juna belulino. Ial ŝi elektis min.

Postmilite mi liberiĝis kaj trovis laboron en Melburno, unue kiel tramkondukisto, poste, sukcesinte ĉe kelkaj ekzamenoj, kiel instruisto de la angla al enmigrintoj. La aŭstralia registaro, spertinte ŝokegon pro la preskaŭa invado de la Japana Imperia Armeo, volis rapide priloĝigi la malplenan kontinenton, sed la novaj loĝantoj devos esti eŭropanoj. Centmiloj da homoj el la milite detruita malnova kontinento volonte respondis al la voko. Grandparte la novuloj devis unue lerni la lingvon, kaj mi sukcesis fari karieron el tiu bezono.

Kiam la hororoj de la naziaj koncentrejoj disanonciĝis, mi volis ne plu esti germano, kvankam mi apartenis al la malmultaj, kiuj jam dekomence oponis la brunan teroron. Mian nomon Erich Schwalbe mi tradukis al Eric Swallow, kaj se iu demandis pri mia “iomete stranga” akĉento, mi diris, ke mia familio devenis el Danlando, Rumanio, aŭ Latvio. Aŭstralianoj malofte konscias pri la lingvoj aŭ situoj de eŭropaj landoj, kaj ili estas tro ĝentilaj, aŭ eble ne sufiĉe interesataj, por plu demandi. Mi fariĝis plentempa uzanto de la angla, kaj neniam volis, ke Tess, Margaret, ŝia edzo Tim, aŭ iliaj infanoj lernu mian unuan lingvon.

Estis do Wayne, kiu revenigis la lingvon en mian vivon. Li eĉ studis ĝin en sia universitato kaj decidis fari el ĝi sian profesian instruobjekton. Ĉi-momente li estas en Germanio.

Tess mortis antaŭ dek jaroj – ho jes, tiom da tempo pasis, kvankam mi

povus tuj bildigi ŝian karan vizaĝon al mi, sed prefere ne la suferantinon en la lasta fazo. Post mia akuta funebra periodo mi vendis la melburnan domon kaj venis ĉi tien. Ni vizitis tiun ĉi belegan plaĝan regionon dum feriado kaj mi ĉiam sopiris vivi en loko, kie neniam mia kokso suferus pro malvarmo. Kaj mi amas la kristale klaran rivereton fluantan al la maro, la bluon de la Pacifiko kaj la tondrajn ŝtormojn alruliĝantajn el la maro al mia monto.

Pasintsemajne venis letero de Wayne el Hamburgo, kaj mia tasko aperis antaŭ miaj okuloj. La katalizilo estis malpli la letero ol la kunsendita foto. Iel li sukcesis sendi al mi flaviĝintan foton de mia gimnazia klaso: *Gymnasium Wilhelm I, klaso de 1912.* Tiu foto superfortis min per fluego de memoraĵoj, kaj mi sciis, ke jen la projekto de miaj lastaj jaroj. Ĉu mi finos ĝin, mi ne scias, sed malgraŭ la koksvundo mi estas en sufiĉe bona stato.

Mi verkos en la sola lingvo, en kiu mi kapablas, mia denaska, kiu iam tiel gravis al mi. Hitler mortis antaŭ kvardekkvin jaroj, kaj intertempe la fetoro tiam alkroĉiĝanta al ĉio germana disfumiĝis. Ke mi povas skribi germane, estas iuspeca terapio. Kaj Wayne certe aprobos.

Pro la mirakloj de modernaj komunikiloj mi povis ricevi elektronike la numerojn de *Novaj Folioj*, kiuj donos multajn citojn sur la venontaj paĝoj. Miaj skribaĵoj aperis tie, sed mi neniam publikigis multon. Sed ne pri miaj verkoj temos.

Mi ne skribos unualoke pri mi. Mia vivo post 1933 estas, mi kredas, al eksteruloj banala – eble granda verkisto povus fari ĝin interesa, sed mi eĉ ne provos.

Tamen mi havas temon priskribindan. Taglibraĵoj, kiujn mi konservis dum multaj jardekoj kaj montris nur al Tess, estas nun uzeblaj, almenaŭ tiuj partoj, kiuj koncernas la temon.

La temo? La knabo meze sur la klasfoto estas Kurt Lenz.

Forgesita heroo el epoko, kiam herooj grandparte mankis, kaj tre ofte pagis per sia vivo. Kiel Kurt.

Mia unua klara memoraĵo pri Kurt Lenz estas fakte bildo de mi kun li. Estis alia mondo, la mondo de antaŭ la Granda Milito, nun nomata la Unua Mondmilito. Ni loĝis en Hamburgo, kie la mara vento kaj pluvo, la senfinaj havenkonstruaĵoj, kaj aparte la foje maltrankvila maro muldas la vivon de la homoj. Kiam la Norda Maro puŝas grandan akvokvanton en la fluujon de la Elbo, la surfaco povas esti tre malglata. Antaŭ ĉio mi memoras la fridigan venton kaj la same malvarmigan pluvon.

Nia loĝkvartalo, Hamburg-Harburg, certe ne apartenis al la plej fajnaj. Neniu najbaro donis *soirée,* la viroj ĉe ni ne fumis cigarojn, nek la virinoj per longaj cigaredingoj. La intelekta vivo estis grandparte regata de la diskutgrupoj

de proletoj, sed miaj gepatroj restis kiel eble for de renkontiĝoj de tiuj ĉe la bazo de la socia eskalo. Ili volis aparteni al la meza klaso, kaj ili kultivis alian pensmanieron ol la nuraj proletoj. Mia patro apartenis dum jaroj al iu patriota, imperiisma grupo, kies celo estis plinombrigi la koloniojn de Germanio.

Ni knabetoj ankoraŭ sciis nenion pri sociaj dividoj kaj pretendoj. Kurt kaj mi estis eble sep-ok-jaraj, kaj ni kune lavis vestojn en granda kuvo en lia korteto, dum lia patrino tusadis en apuda ĉambro. Komence amuzis min plonĝigi la brakojn en la ŝaŭmoplenan akvon kaj skraplavi ĉemizon aŭ pantalonon, sed mi konfesas, ke post duonhoro la afero tedis min. Ŝajnas, ke Kurt kaptis miajn pensojn, ĉar li petis min iri havigi akvon, ke li preparu teon por la malsana patrino.  Ankaŭ tio estis aventure nova afero por mi. Mia Panjo kaj Paŭla kutimis fari ĉion en la domo, krom kiam Paĉjo helpis, sed tio okazis malofte. Mi, dorlotata knabo, estis preskaŭ libera je hejmaj taskoj. Mi akceptis kiel memkompreneblaĵon, ke sepjara mi rajtas libere vagadi laŭ la stratoj de Harburg kaj Barmbek aŭ ludi soldatojn de la *Kaiser*[1] kun samaĝuloj, dum mia fratineto Paula trejniĝas por esti virino, tio estas, labori kun Panjo en la domo.

Kurt Lenz havis nek paĉjon nek fratinon. Lia patro estas dizertinto, diris lia patrino. Kurt mem neniam parolis pri la patro, kiun li cetere ne memoris. Pri la patrino, kiun mi nekomprenanta knabeto trovis enuiga kaj malsanema sinjorino, Kurt ĉiam parolis kun granda respekto. Li raportis, ke per sia diligento Panjo lavas sufiĉe da vestoj por "n-nutri kaj e-eduki min". Nu, povas esti, ĉar mi neniam vidis ŝin fari ion alian ol labori aŭ malsani. Kaj kiam ŝi malsanis, Kurt mem lavis laŭ sia eblo.

S-ino Lenz venis de iu bieno en Vestfalio, regiono de dikaj kaj kontentaj bovinoj kaj homoj, de pluvaj tagoj, de verdaj kampoj kaj preĝejaj sonoriloj. La bovinoj ne ofte muas, la homoj same emas silenti. Eble pro tio s-ino Lenz malofte parolis, kaj konversacio kun ŝi apenaŭ eblis, almenaŭ laŭ miaj konstatoj, kaj certe ŝi ja parolis en stranga maniero (poste mi komprenos, ke la vestfalia dialekto tre diferencas de nia hamburga). La patro estis naskita hamburgano, sed neniam mi aŭdis lin paroli. Ankaŭ Kurt ne.

Ĉar la patro de Kurt estis oficiale luterano kaj la patrino katolikino, ili geedziĝis sen eklezia beno. Kurt estis do oficiale „senekleziulo". Mia familio estis luterana kaj insistis pri tio, sed fakte ni apenaŭ pli ofte sidis sur preĝeja benko ol li. Mia patro havis nur unu fraton, Hermann, kaj Hermann forlasis ĉiujn ekleziojn post sia elmigro al Usono. Onklo Hermann estis aliflanke fabelhomo, kiu riĉiĝis en tiu lando de senlimaj ebloj, kaj multe da mono povas forlavi la honton de konfesia dizerto.

---

[1] *Kaiser*, germana vorto por imperiestro

# La Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo (*Myrmecobius fasciatus*) estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla per peto aŭ senpaga abono ĉe la URL <mirmekobo@mac.com>, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per via legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.
Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Tamen, se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari senpage.
La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos.
Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuaĵon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.

Malnovaj numeroj de *Mirmekobo* troviĝas ĉe www.gazetejo.org/mirmekobo.

**Ni atentigas ke la URL de la retejo de la redakcio ŝanĝiĝis.** *La nova adreso,* kie oni ankaŭ povas elŝuti ekzemplerojn, estas:
http://web.me.com/donbroadribb1/donbroadribb1_Mirmekobo/
**Ĉe tiu adreso ankaŭ eblas elŝuti preskvalitan eldonon de Mirmekobo.**

Redaktoro: Donald Broadribb
Adreso por ĉiuj komunikaĵoj, por peti ekzempleron, por sendi kontribuaĵon:
mirmekobo@mac.com